# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO




**Oficiala organo de T.A.G.E.**

16-a jaro. No. 1-a. 1937-a






## Abonprezo de I.P.R.

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de T.A.G.E.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guldenoj.

Por la abonkotizo estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Aŭstrujo** | 8 | ŝilingoj. |
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ĉehoslovakujo** | 20 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj. |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Itala** | 10 | liroj. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 50 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 90544. Nederlando.

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 5 U. E. A. kuponojn de 1 Sv. Frank. aŭ 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

---

## Agentoj de T.A.G.E.

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE. Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon, Harrow St,, Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Aŭstra:** Societo de Aŭstraj Esperanto-Instruistoj. Gfrornergasse 13. Wien. VI.

**Belga:** H. Rainson. Hombeekschesteenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Valĉanov, „Iskar" 79. SOFIO. IV.

**Ĉehoslovaka:** Th. Kilian, TREBIĈ, Komerca Akademio poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322. B.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 21 Ta-Shin-Street, JUNNAN FU.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** Kn. Aa. Andersen. ONSILD. Poŝtĉekkonto: No. 55673.

**Estona:** Johannes Jaanisto. Kastani—125—1. TARTU.

**Franca:** G. Chatelain, ARGENCES, (Calvados) Poŝtĉekkonto: 17606 Rouen.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Mester-u. 53. V. 7. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya. Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Peter Golobiĉ JESENICE, FUZINE.

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. IŜLAŬZAS. paŝt. ag.

**Nederlanda:** Provizore: W. Grolleman, Westersingel 9. CULEMBORG.

**Nederlanda Hindujo:** K. Gorter. Gondokoesoeman 7. pav. JOQJAKARTA.

**Pola:** B. Gluchowski. ŝw. Wincentego 80. WARSZAWA 24. Poŝtkonto 16992.

**Sveda:** estraro de S.I.E.F.

**Svisa:** Vakanta.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. California. kaj:

**Amerika Esp. Instituto.** IIII Brooke Road. ROCKFORD. ILLINOIS.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

Ni urĝe petas novan agenton en Svisujo.

---

**Varbu por T.A.G.E. Propagandu nian interesplenan revuon!!**

---

Presita de Elektr. presejo T. K. KREMER, Sappemeer.

16=a jaro (Numero 1) 1937.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

**Redaktoro:** E. J. BOLTJES. Engelschelaan 30. **Winschoten** (Nederlando).
**Administranto:** P. KORTE. Schoolstraat 13. **Veendam.** (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544.
**Prezidanto de TAGE:** Dro Bj. BECKMAN, Konstapelsgatan19 Karlskrona, **Svedujo.**
**Sekretario:** K. H. SPORTEL. **Nieuw=Scheemda** (Gron.) (Nederlando).
W. H. MOOK. Nassauplein 15a. **Groningen** (Nederlando).
A. VAN HAGE. Zuidwending. **Veendam** (Nederlando).


## Raporto pri la T.A.G.E.-statistiko.



Esperanta rondo de gimnazianoj el ŝtata klasika gimnazio en Bydgoszcz kun sía protektanto Profesoro Sygnarski.

Al la enketo pri infankursoj, publikigita en numero 5:1936, respondis 42 personoj el 14 landoj, sed ĉar kelkaj raportoj estis tute negativaj kaj diversaj personoj sendis plurajn raportojn, oni povas kalkuli pri **45 raportoj el 12 landoj.**

La plej gravaj ciferoj estas resumitaj en aparta tabelo, kaj iliaj sumoj montras la jenon: [1])

| Lando. | Nombro ĉe komenco. | | | Nombro ĉe fino. | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | Entute. | Knaboj. | Knabinoj. | Entute. | Knaboj. | Knabinoj. |
| Anglujo | 618 | 456 | 120 | 561 | 443 | 76 |
| Nederlando | 280 | 45 | 145 | 256 | 35 | 131 |
| Polujo | 232 | 232 | | 164 | 164 | |
| Norvegujo | 109 | 28 | 55 | 104 | 26 | 52 |
| Aŭstrujo | 82 | 16 | 56 | 35 | 12 | 13 |
| Ĉeĥoslovakujo | 42 | 22 | 20 | 40 | 20 | 20 |
| Francujo | 40 | 40 | | 40 | 40 | |
| Danujo | 30 | 18 | 12 | 28 | 16 | 12 |
| Usono | 25 | 15 | 10 | 11 | 8 | 3 |
| Svedujo | 22 | 15 | 7 | 12 | 7 | 5 |
| Jugoslavujo | 16 | 8 | 8 | daŭras | | |
| Hungarujo | 15 | 11 | 4 | 15 | 11 | 4 |
| | 1511 | 906 | 437 | 1216 | 782 | 316 |

Anglujo tial posedas la senkompare unuan lokon, kaj la kialo certe estas, ke la anglaj kursoj plejparte estas oficialaj kaj devigaj. El la dek kursoj, raportitaj el Anglujo, ok estas tiaj kaj unu ne-oficiala sed deviga. La sama situacio ne eksistas en iu alia lando, eĉ en Polujo, kie la kvar kursoj estas oficialaj, ili tamen estas nedevigaj. Krom ili ekzistas nur tri oficialaj kursoj: Olomouc kaj Reichenberg, Ĉeĥoslovakujo kaj Voitsberg, Aŭstrujo.

La aĝo de la infanoj iom varias. Kelkaj gvidantoj komencas instrui jam la 8-jarulojn, aliaj atendas ĝis la lernantoj havas 16—17 jarojn. La mezaj ciferoj estas 11.5—14.5 jaroj kaj tian aĝon rekomendas S-ro Goodes, Romford, Anglujo, dum S-ro Sygnarsky, Bydgoszcz opinias, ke 14-jaruloj estas la plej bonaj lernantoj. Unu raportinto substrekas, ke oni devas havi samaĝulojn en la kurso; en kelkaj kursoj tamen la diferenco inter la malplej kaj la plej aĝaj estas sep jaroj!

Kiom longe devas daŭri infankurso? Diversaj raportintoj bedaŭras, ke ili nur povas aranĝi unujarajn kursojn, precipe pro la organizo de la lernejo aŭ pro la postuloj de aliaj fakoj. En D., Anglujo, oni tamen projektas dujarajn kursojn, se la nuntempa, grandega eksperimento havos bonan rezulton. En Romford oni eĉ pripensas trijarajn kursojn, kiel dirite inter la 11-a kaj la 14-a jaro.

La instrutempo ankaŭ alimaniere povas varii. En Romford oni

[1]) En la ĉi-supra tabelo mi nur kalkulis kun tiaj kursoj, kiaj estas finitaj krom la sola jugoslava. Tial la ciferoj iom diferencas de tiuj de la granda tabelo. La vera sumo de la raportitaj infanoj estas en Anglujo 656, en Francujo 85, en Svedujo 31 kaj en Usono 35. La sumo de knaboj kaj knabinoj ne ĉiam egalas al la nombro entute, car kelkaj raportintoj ne donis la apartajn ciferojn. Kelkaj ciferoj ankaŭ estas proksimumaj. Sed entute niaj raportoj temas pri pli ol 1600 infanoj.

instruas dek minutojn ĉiutage, en Mosjöen kaj Sulitelma, Norvegujo 12 horojn posemajne. Plej ofte oni instruas 1—2 horojn semajne. S-ro Pizl, Alt-Dietmanns, Aŭstrujo skribas: „Laŭ mia konvinko dum unu jaro semajne po du horoj (ĉiu horo alian tagon) devige au nedevige devas ili paroli flue kaj skribi. Memkompreneble neniel science sed simple kaj korekte." La saman sperton havas S-ro Sygnarski, kiu ankaŭ rekomendas instrui dum la antaŭtagmezaj horoj. La daŭro de la kurso laŭsemajne varias inter 4—8 (Ĉe-kursoj) kaj 40 semajnojn (lernejaj kursoj, precipe la devigaj en Anglujo).

Kotizoj nur malofte ekzistas. Plej ofte en Nederlando, kie oni raportas eĉ pri kotizo de 7.50 guldenoj; iam la infanoj pagis polecione (Slikkerveer, Nederlando 0.10 guldenoj, Alt-Dietmanns, Austrujo 0.10 ŝilingoj). Entute 14 kursoj el la raportitaj estas pagitaj.

Koncerne la instrumetodon oni plejparte raportis pri miksitaj kursoj. S-ro Neŭzil, Olomouc, uzas sian propran metodon, pri kiu ni esperas povi raporti pli detale alian fojon. 10 kursoj estis Ĉe-kursoj. Pri tiu temo mi volas citi kelkajn raportojn. F-ino Saxl skribas: „Laŭ mia sperto la iom ŝanĝita Cseh-kurso estas por infanoj la plej instiga kaj entuziasmiga metodo. Sed oni atentu, ke la infanoj ricevu hejmtaskojn (demandfoliojn — nur esperantlingvajn) kaj ke la instruisto faru diktaĵojn kaj kontrolu la sciojn de la infanoj **aparte.**" S-ro Nicolaisen, Kristiansand, Norvegujo skribas: „La Cseh-kurso por plenkreskuloj ne estas tute taŭga por infanoj. Mi devis ŝanĝi multe kaj klarigi ĉion klare en norvega lingvo. Mi proponas, ke oni ellaboros kaj presos kurson por infanoj laŭ Csehmetodo." La saman opinion havas S-ro Grönborg, Kattrup, Danujo. F-ino Weidijk, Buitenpost, Nederlando kaj aliaj plendas pri la sekeco de la ĝis nun uzitaj lernolibroj. F-ino Andrée—Karlsson, Nynäshamn, Svedujo proponas, ke la esperantista instruistaro ellaboru bonan lernolibron kun leg-kaj skribekzercoj, tiamaniere aranĝitaj, ke la tekstoj malhavu la ĵus pritraktitajn gramatikaĵojn, kiujn la infanoj devas mem indiki.

Specialaj spertoj kaj proponoj menciindaj estas: oni multe kantu, eĉ dum la unua leciono (F-ino Vingerhoets, Amsterdam), oni kreu malmultekostan infangazeton (S-ro Pialla, Villeurbanne, Francujo) kaj en ĉiuj landoj oni traduku bonan infanliteraturon, ĉar ni nepre bezonas tian por interesi la infanojn (F-ino Linz, Wolfpassing, Aŭstrujo).

Ekzamenoj post la kurso estas maloftaj. Nur kvin kursoj raportis kun kompletaj ciferoj: en unu el la kursoj de Bishop-Auckland, Anglujo oni ekzamenis 75 sed nur aprobis 20, en Romford estas la ciferoj 40 kaj 32. En la aliaj kvar kursoj, Bishop-Auckland, Brooklyn, Usono kaj Voitsberg, Aŭstrujo ĉiuj aŭ preskau ĉiuj estas aprobitaj. En Bydgoszcz la lernantoj de ŝtata klasika gimnazio ricevis cenzurojn sur siaj lernejaj atestoj.

Pri la rezultoj oni malmulte skribas. Ni citu la vortojn de S-ro

Vérot, St. Etienne, Francujo, kiu instruis dum kvar monatoj, entute 16 horojn: „La infanoj scipovis demandi pri la vojo, nutraĵo, familio, lernejaj aferoj; ili recitis flue du poemetojn kaj kantis unu infankanton."

La gravan sed malfacilan problemon de la daŭriga kurso oni solvis diversmaniere. Pri fonditaj junularkluboj raportas nur kvin personoj (Bishop-Auckland, Anglujo; Ranum, Danujo; Bydgoszcz kaj Szamotuly, Polujo kaj Brooklyn, Usono). Kelkaj aranĝis daŭrigan kurson en sia hejmo, aliaj en klubo por plenkreskuloj; en 12 kazoj ni aŭdas pri organizita daŭriga instruado, precipe en Anglujo, Nederlando kaj Polujo. Abono de gazeto estas malofta pro la malriĉeco de la lernantoj. Individua abono al La Juna Vivo okazas multnombre nur en Bournville, Anglujo kaj Brooklyn, Usono. Korespondado okazas almenaŭ por kelkaj lernantoj en la plej multaj kursoj (28 raportoj); la adresojn oni ricevis precipe el la gazetoj La Juna Vivo, La Praktiko, Internacia Pedagogia Revuo kaj Heroldo. Inter aliaj helpiloj oni povas nomi Correspondence Scolaire Internationale, Parizo kaj Hungara Skolta Federacio.

Ni citu laŭvorte kelkajn raportojn. S-ro Sygnarski: „Post la kurso la lernantoj aliĝis al la Esperanta Rondo ĉe gimnazio. Ĉiam post la Ĉe-kursoj sekvas daŭriga kurso laŭ miksita metodo je helpo de (la lernolibro de la raportanto). Ekzistas ĉe gimnazio speciala esperanta biblioteko, kiu nombras pli ol 100 diversajn esperantajn librojn. Krom tio la gimnazio abonas por la junaj esperantistoj jenajn gazetojn: Heroldo de Esperanto, La Praktiko (2 ekz.), Pola Esperantisto, La Juna Vivo (2 ekz.). Kelkaj lernantoj abonis krom tio individue la lastan gazeton". F-ino Andrée—Karlsson: „Mi kredas, ke estas tre malfacile aranĝi daŭrigajn kursojn por infanoj en Svedujo. Ankoraŭ pli, aranĝi infangrupojn. La bonaj vivkondiĉoj en Svedujo ebligas al preskaŭ ĉiuj infanoj viziti la mezlernejon, kiun ili vizitas, havante 13 jarojn. Plej parte nun estas tiel, ke ili ne havis pli ol unu esperantokurson antaŭ tiu aĝo. Sed vizitante la mezlernejon ili devas lerni germane kaj angle, kio malebligas studadon de ankoraŭ unu lingvo."

Ankaŭ aliaj raportintoj priparolas la influon de la esperantostudado kaj la lerneja laboro unu sur la alia. La intereso de la junaj lernantoj de F-ino Edwards daŭras du, tri jarojn post la fino de la kurso, sed poste ili estas forrabitaj de aliaj interesoj kaj de la kreskanta lerneja laboro. S-ro Schöpfer bedaŭras, ke la angla lingvo tro multe konkurencas kun la esperanto-instruado kaj S-ro Adamek, Vrbice, Ĉehoslovakujo, skribas: „La junularo estas tro ŝarĝita (eĉ 28 horojn) kaj enmeti ankoraŭ Espon ne estas farebla. Forigi la fremdajn lingvojn kaj instrui sole la pli racian, neŭtralan mondlingvon Esperanto."

Sed la problemo ankaŭ havas alian flankon, tre grava por nia propagando. Certe, unu raporto sciigas, ke iu instruistino ne kuraĝas

instrui Esperanton dum tuta jaro, ĉar ŝi timas, ke la lernantoj poste ne ŝatus la malfacilaĵojn de la franca lingvo. Sed F-ino Linz, Wolfpassing deklaras: „Ĉiuj tri knaboj akiris poste kaj jam dum la kurso en latina lingvo la plej bonan ateston kaj la profesoroj en tiu lingvo rimarkis la al ni ja konatan logikan preparon per Esperanto." Kaj S-ro Schöpfer, Voitsberg aldonas „la nekontesteblan fakton ke per E. la gelernantoj plilarĝigas la vorttrezoron kaj lernas zorgeme uzi la gepatran lingvon."

Per tiuj konstatoj oni eble povas kapti la intereson de tiaj instruistoj, kiaj ankoraŭ ne ŝatas la lingvon aŭ interesiĝis pri ĝi. Modela ŝajnas esti la agadmaniero de S-ro Goodes, Romford. Li skribas: „Kiel en alia lernejo, en kiu mi sukcesis enkonkuki la instruadon de la lingvo (kvankam nun pro reorganizo de tiu lernejo oni ne instruas la lingvon tie), mi laboris unue per libervolaj kursoj dum postlernejaj horoj, due per privataj interparoladoj kun la lernejestro, trie per la Esperantistigado de aliaj geinstruistoj kaj kvare (plej grave) per uzado de la lingvo en korespondado kun alilandaj lernejoj kaj aranĝitaj interparoladoj kun eksterlandanoj aŭ vizitantoj en la lernejo aŭ en la eksterlando dum aranĝita libertempo por kelkaj el la geknaboj kaj geinstruistoj." Inter aliaj proponoj mi speciale volas mencii tiun de F-ino Andrée—Karlsson, ke la landaj federacioj disdonu flugfoliojn precipe aranĝitaj por infanoj. F-ino Linz proponas, ke TAGE aranĝu infan-interŝanĝ-eblecon.

La intereso de la infanoj estas de multaj raportintoj forte laŭdataj. La opinion de F-ino Edwards mi jam citis. F-ino Nixon kaj S-ro Golobiĉ, Jesenice, Jugoslavujo, precipe substrekas la gravecon de la korespondado; tamen S-ro Scholze avertas pri la ofta seniluziiĝo pro manko de respondo. Sro Pizl diras, ke infanoj estas plej bone esperantigeblaj kaj S-ro Adamek, ke ili estas modeloj por la plenaĝuloj. Ankaŭ S-ro Nicolaisen laŭdas ilian entuziasmon kaj lernemon. Kaj S-ro Dormont konstatas: „Se la edukestraro oficialigus la kurson, mi povus havi eble la duonon de la 2000 studentoj!"

Malgraŭ tio ofte okazas malpliiĝo de la nombro de lernantoj, entute de 1613 ĝis 1377, do 14 procentoj, en kelkaj kursoj ankoraŭ pli multe, ekz. de 50 ĝis 9! Kio estas la kialo de tia malpliiĝo?

Laŭ la raportoj multaj kialoj povas ekzisti. La ok-kaj naŭjaruloj estas tro junaj, kelkaj tro stultaj (ne multaj). Iam la gepatroj malhavis komprenon por la ideo de esperanto, en kelkaj kazoj la intereso de la infanoj mem malpliiĝis.

Diversaj kaŭzoj estas ekster la potenco de la gvidanto. Ofte la lernantoj dum la kurso forlasas la lernejon, ili transloĝiĝas aŭ ili malsaniĝas. Sed la plej grava kaŭzo de la defalo estas la trookupiteco de la infanoj koncerne la devigajn fakojn.

Malpliiĝita intereso verŝajne ne ofte okazas; F-ino Erichsen, Stavanger, Norvegujo raportas pri malpliiĝo de 35 knabinoj ĝis 33 pro

**samtempa danckurso!** Bone! Sed la plej profundan enrigardon en la problemo certe donas la vortoj de S-ro Schöpfer, per kiuj mi volas fini: „1. Malriĉeco; dum la vintro multaj knabinoj devis kolekti kaj hejmporti karbojn el la karbminejoj. 2. Longaj lernejvojoj; multaj kursaninoj devis rezigni pro Esperanto varman tagmanĝon, restante en la lernejo ĝis la tria posttagmeze. 3. Tro multaj devigaj fakoj; mankis la tempo por serioze lerni fremdlingvon."

Jen resumo pri la plej gravaj problemoj, kiujn lumigis nia enketo. Mankas al mi tempo por pli profunda analizo de la respondoj, sed mi esperas, ke tiuj konturoj almenaŭ povas iom efektivigi la promeson de la formularo: „Vi povas helpi kaj esti helpata."

---

# TAGE-statistiko. Tabelo.

| Lando kaj loko. | Jaro. | Raportanto. | Aĝo de la infanoj. | Nombro. Ĉe komenco. Entute. | Knaboj. | Knabinoj. | Ĉe fino. Entute. | Knaboj. | Knabinoj. |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| I. ANGLUJO. | | | | | | | | | |
| Bishop Auckland | 1935-36 | Hamilton | 11-12 | 75 | 75 | — | 75 | 75 | — |
| „ „ | 1936-37 | Dixon | 16-17 | 11 | — | 11 | 11 | — | 11 |
| „ „ | 1936-37 | Edwards | 11-12 | 22 | — | 22 | 18 | — | 18 |
| Bournville | 1935-36 | Nixon | 16-18 | 24 | — | 24 | 24 | — | 24 |
| „ „ | 1935-36 | Nixon | 16-18 | 13 | — | 13 | 13 | — | 13 |
| D. | 1936 | T. | 11-14 | 350 | 350 | — | 350 | 350 | — |
| D. | 1936 | T. | | 50 | — | 50 | 10 | — | 10 |
| Glascow | 1936-37 | Downie | 10-11 | 38 | 38 | — | daŭras | | — |
| Romford | 1935-36 | Goodes | 11-12 | 42 | | | 42 | | |
| Worcester | 1935-36 | Severn | 13-14 | 31 | 31 | — | 18 | 18 | — |
| II. AŬSTRUJO. | | | | | | | | | |
| Alt-Dietmanns | 1935 | Pizl | 9-14 | 18 | 12 | 6 | 12 | 8 | 4 |
| Wien | 1934 | Erard | | 10 | | | 10 | | |
| Wolfpassing | 1934-35 | Linz | 9-12 | 3 | 3 | — | 3 | 3 | — |
| Voitsberg | 1935-36 | Schöpfer | 12-14 | 51 | 1 | 50 | 10 | 1 | 9 |
| III. ĈEĤOSLOVAKUJO. | | | | | | | | | |
| Olomouc-Neredin | 1935-36 | Neŭzil | 9-10 | 23 | 10 | 13 | 21 | 8 | 13 |
| Reichenberg | 1935-36 | Scholze | 16-21 | 8 | 8 | — | 8 | 8 | — |
| Vrbice | 1932 | Adamek | 10-14 | 11 | 4 | 7 | 11 | 4 | 7 |

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| IV. DANUJO. | | | | | | | | | |
| Kattrup | 1935 | Grönborg | 12-14 | 12 | 12 | — | 10 | 10 | — |
| Ranum | 1936 | Eriksen | 11-14 | 18 | 6 | 12 | 18 | 6 | 12 |
| V. FRANCUJO. | | | | | | | | | |
| S : t Etienne | 1935-36 | Vérot | 8--9 | 40 | 40 | — | 40 | 40 | — |
| Villeurbanne | 1936-37 | Pialla | 8-14 | 45 | 45 | — | daŭras | | — |
| VI HUNGARUJO. | | | | | | | | | |
| Hatvan | 1935-36 | Gauder | 16-18 | 15 | 11 | 4 | 15 | 11 | 4 |
| VII. JUGOSLAVUJO. | | | | | | | | | |
| Jesenice | 1936 | Golobič | 12-16 | 16 | 8 | 8 | daŭras | | |
| VIII. NEDERLANDO. | | | | | | | | | |
| Amsterdam | 1935-36 | Vingerhoets | 14 | 24 | — | 24 | 18 | — | 18 |
| Apeldoorn | 1935-36 | Reininga | 12-16 | 10 | 6 | 4 | 7 | 4 | 3 |
| Bergen op Zoom | 1935-36 | Goedhart | 12-13 | 39 | — | 39 | 36 | — | 36 |
| Buitenpost | | Weidijk | 10-14 | 15 | 9 | 6 | 6 | 1 | 5 |
| Haag | 1935 | Burger | 13-16 | 50 | — | 50 | 45 | — | 45 |
| Leeuwarden | 1935-36 | Saxl | 10-15 | 40 | 30 | 10 | 40 | 30 | 10 |
| „ „ | 1936 | Saxl | 10-13 | 12 | — | 12 | 14 | — | 14 |
| Slikkerveer | 1935 | Saxl | 10-14 | 90 | | | 90 | | |
| IX. NORVEGUJO. | | | | | | | | | |
| Laudal | 1935 | Steinsland | 12-14 | 12 | | | 12 | | |
| „ „ | 1935 | Steinsland | 12-14 | 14 | | | 14 | | |
| Mosjöen | 1936 | Nicolaisen | 9-16 | 32 | 20 | 12 | 29 | 18 | 11 |
| Sulitelma | 1936 | Nicolaisen | 12-15 | 16 | 8 | 8 | 16 | 8 | 8 |
| Stavanger | 1935 | Erichsen | 12 | 35 | — | 35 | 33 | — | 33 |
| X. POLUJO. | | | | | | | | | |
| Bydgoszcz | 1934-35 | Sygnarski | 13-14 | 65 | 65 | — | 50 | 50 | — |
| „ „ | 1935-36 | Sygnarski | 13-14 | 63 | 63 | — | 46 | 46 | — |
| „ „ | 1935-36 | Sygnarski | 12-13 | 82 | 82 | — | 61 | 61 | — |
| Szamotuly | 1936 | Maske | 12-19 | 22 | 22 | — | 7 | 7 | — |
| XI. SVEDUJO. | | | | | | | | | |
| Karlskrona | 1935-36 | Beckman | 17-18 | 10 | 9 | 1 | 3 | 2 | 1 |
| Mölleberga | 1936 | Edberg | 9-13 | 9 | 2 | 7 | daŭras | | |
| Nynäshamn | 1934-35 | Andrée-Karlsson | 9-14 | 12 | 6 | 6 | 9 | 5 | 4 |
| XII. USONO. | | | | | | | | | |
| Brooklyn, N. Y. | 1935 | Dormont | 17-35 | 25 | 15 | 10 | 11 | 8 | 3 |
| S : t Albans, N. Y | 1936 | Dormont | 11-12 | 10 | — | 10 | daŭras | | |

---



# De la laborkomitato.

1. La laborkomitato de T.A.G.E. kaj I.P.R. deziras al ĉiuj anoj kaj ties familianoj prosperan jaron 1937-an

2. En ĉi tiu numero troviĝas la materialo pri nia statistiko. Ni esperas ke ĝi fariĝu bazo por fruktedona diskutado pri la tre grava temo: Esperanto-instruo al infanoj. Pere de nia revuo ni penados havigi al niaj anoj valorajn informojn pri tia instruo kaj, se eble, taŭgan instrumaterialon. Kun granda ĝojo ni komunikas al vi *la lastan treege gravan novaĵon:* l a k o n a t a s a m i d e a n o S-r o A n d r e o C s e h d o n o s e n I. P. R. s u g e s t o j n kaj i n f o r m o j n a l e s t o n t a j E s p.-i s t r u i s t o j. Plue li, aŭ unu el la konataj Ĉe-instruistoj pritraktos la kursomaterialon de la Ĉe-metodo, adaptita al porinfanaj postuloj. Tiel la kajeroj de I, P. R. fariĝos por niaj anoj treege valoraj!!

3. Ni daŭre petas sendi al ni sciigojn pri infankursoj, ankaŭ estonte. Skribu pri tio al la adreso de nia prezidanto.

4. Ĉi tiun jaron ni eldonos almenaŭ 7 numerojn, anstataŭ la kutimajn 6. Se post vigla propagando de vi ĉiuj, multaj novaj anoj aliĝas, ni pripensas monatan eldonon. *Ni do atendas vian helpon, karaj gekolegoj.*

5. Nova aranĝo pri nia kovrilo. Ni atentigas vin pri la 4-a paĝo, kie ni volas aranĝi turisman paĝon. Bv. legi kaj se eble, tuj agi laŭ niaj sugestoj.

6. Al kelkaj anoj, kiuj ankoraŭ ne pagis por 1936, nia administranto sendis admonilon. Malgraŭ tio ĝis nun ne ĉiuj pagis. Karaj gekolegoj, *ni petegas vin ne plimalfaciligu nian laboron* kaj nun *ne plu prokrastu.* Ni ja regule ekspedis al vi nian revuon kaj vi akceptis. *Kial do ne pagi???*

7. Al ĉiuj ni petas pagi, *en la komenco de la nuna jaro,* la abonkotizon por 1937. Tiel vi treege helpos nin en la laboro por *nia komuna* celo.

---

# Inter la montegoj.

Bruego, ĝemo, faskoj da fajro, muĝo de sireno, brutintado kaj grincado de bremsoj: *ok* noktaj vagonaroj plenplenaj kuregas norden kun gejunuloj, partoprenantaj la Ĝeneralan Montegvojaĝon de la svedaj lernejoj, kiu okazas ĉiujare dum la pasko.

Nokto. Komunisma socio. En ĉiu kupeo dormas sep knabinoj: kvar zigzage sur la benkoj, tri sur la bretoj. La plankon kaŝas terura miksaĵo: laponaj botoj, duonŝtrumpoj, grandegaj dorssakoj. La aero estas densa, tranĉebla per *akra* tranĉilo.

Sunleviĝo. Vekiĝo. Estas je la kvara. Tra la malfermita fenestro eniĝas glacia neĝokirlado, de sur la bretoj pluvas lankovriloj, gazetoj,

revuoj, bananŝeloj: la tri tie supre anoncas sian malsupreniron. Iam boto trafas iun kapon, la akvokarafo eligas sian enhavon sur iam gladita skipantalono. Sed ne gravas: la gramofono grincas kanzonaĉon, dum la knabinoj kantante pretigas la matenan tualeton kaj iomete trankviligas la teruran malsaton.

La longa vojaĝo estas finita, kaj ni ĵus estas enloĝitaj en kamparana domo. Neniam finiĝas nia raviĝo pro ĉi-tiuj amasoj da neĝo, ravitaj ni ĵetiĝas en la metroaltajn blovaĵojn, kaj baldaŭ komencas sanga neĝbatalo.

Ĉie tiu fajrera, preskaŭ blindiga blankeco. Malsupre en la valo la rivero estas kovrita de glacio, kaj trans ĝi leviĝas la arbarkovritaj montegdeklivoj, kiuj finiĝas per nuda, blanka pinto. Ĉio estas tiel grandioza kaj impona, ke oni sentiĝas kiel terure eteta estaĵo.



Post kiam la unua petolego trankviliĝis, ni foriras por prepari niajn dormlokojn. La meblaro de tiu ĉambro, en kiu ni dekdu knabinoj loĝos kune, konsistas nur el litoj, unu sur la alia. Minacas militeksplodo, ĉar ĉiuj deziras la suprajn litojn, sed fine oni povis konvinki la singardemulojn pri la avantaĝoj dormi kiel eble plej proksime al la planko.

Sed neniu restas longtempe interne. Rapide oni albukas la skiojn, kaj ĝemante, spiregante pro la streĉo ni penadas suprenskii la unuan atingeblan deklivon, kiu kompare al la deklivoj de suda Svedlando

similas al abismo. Kun mortmalestimo oni iras malsupren, post kvin aŭ ses metroj alvenante en blovaĵon. Denove supren, denove malsupren, kaj post sennombraj transkapiĝoj la deklivo estas sukcese trapasita. Denove supren, denove malsupren! Neniu observas, kiel rapide malaperas la horoj, sed ĉe la lunĉtempo la plej multaj sekure kaj elegante salutante povas malsuprenskii.

La rava, saniga aero kaj la laboro donis al ni preskaŭ nekredeblan apetiton. Sidante apud la manĝotablo ni kondutas kiel mortmalsataj lupoj. Kaj post kiam la plej terura malsato estas kontentigita, denove ek al la deklivoj!

Jam je la oka vespere ni elĉerpitaj enlitiĝas. Sed malgraŭ la laceco ne multe da dormo aperas dum la unuaj horoj. Ĉiuj la impresoj kaj spertoj de la tago estas diskutindaj, unu ridego sekvas la alian post la vivaj priskriboj de ĝojigaj episodoj. Kaj tiu malfeliĉulo, kiu plej malfrue enlitiĝas, devas plenumi teruran taskon: pendigi antaŭ la forno ĉiujn botojn kaj duonŝtrumpojn, kiuj venas flugante el la litoj, kaj ludigi la gramofonon. La ŝtalaj litoj knaras, la pajlo en la matracoj kraketas, la gramofono pepaĉas . . . Baldaŭ ĉio silentas, sed tra la fenestro la luno rigardas malsupren al la dormantaj knabinetoj.

Jam je la sesa la sekvontan matenon nin vekas la gramofono. Estas terure malvarma, ĉar la ĵus bruligita fajro ankoraŭ ne dissendis sufiĉan varmon, kaj la planko estas tute malseka pro la neĝo, kiu forfluis el la vestoj. Sed tiu ĝenas neniun, rapide ek en la veston, la kombilo tra la hararo, iom da plaŭdado en la lavopelvo, kaj oni estas preta eliri.

Tiel pasas unu tago post la alia dum ravega vivo en la libera aero kaj bona kamaradeco. Ĉiuj revenas vespere de tiu aŭ ĉi-tiu suprenirado de montego kun ruĝaj vangoj, brilaj okuloj, tute elĉerpitaj sed feliĉaj. Kun maltrankviliga rapideco alproksimiĝas la tempo de la hejmenveturo. Sed restas ankoraŭ la plej bona, la suprenirado de la Oreskuta, la plej alta pinto de la jemtlandaj montegoj. Nur la plej eltenemaj kaj plej bone trejnitaj devas partopreni.

Iun fruan matenon ni estas pretaj starti, longa vico en blankaj, speciale impregnitaj „ventegbluzoj" kaj pakitaj dorsosakoj. La gvidanto levas sian bastonon kaj la trupo ekskias, malrapide serpentumante proksime al la malsupro de la „Skuta". Tremante ni sekvas per la okuloj la krutajn montdeklivojn. „Kiel mi povos veni supren kaj poste malsupren?"

Post tri horoj da streĉega laboro ni alproksimiĝas al la pinto. Estis foje malagrablege, kiam la skio ekglitis sur la glacia neĝo kaj la bastonoj ne povis trovi firman apogon. Kelkfoje la pinto ŝajnis neatingebla, kaj oni preferis returni. Sed „Supren!" vokas la voĉo de la gvidanto en la kapo de la skiantaro, kaj ni respondas per resoneganta krio, kiu eĥas al la montdeklivoj kaj fine formortas.

La montego en sunlumo! Per la ravega panoramo ni gajnas



duoblan rekompencon por la streĉega suprengrimpado. De la malsupro la montdeklivoj leviĝas foje preskaŭ vertikale, foje per rondigitaj ŝtupoj kaj malaltaĵoj. Ĉio, tiel longe kiel atingas la rigardo, estas kaŝita sub fajreranta, blanka neĝotavolo, tie kaj ĉi-tie disŝirita de ventegoj, kiuj furiozis kaj malkaŝis la nudan, grizan rokon. Malproksimege en vala malaltaĵo kontrastas la viola surfaco de kelkaj lagoj kun la malantaŭa montego, kiu leviĝas pli grandioze ol ĉiuj la aliaj, kaj kies pinto oni nur videtas post la fantazie formitaj nubamasoj. La lagoj elfluas per rivero, kiu serpentumas kiel arĝenta rubando tra la valo. La oraj radioj de la suno rebrilas en neĝokristaloj kaj glacipendaĵoj kaj ellogas kuriozan ludon de la ombroj sur la deklivoj. Super tiu blanka mondo volbiĝas la bluega ĉielo. Regas tia atmosfero de festotago en la tuta ĉirkaŭaĵo, ĉio malbela kaj griza estas kaŝita sub la blindige blanka kovrilo, ĉio spiras kvieton kaj harmonion.

Siblante malsupren de la pinto al ŝtupo post ŝtupo, oni sentas sin strange ravita, malpeze kaj libera kiel birdo, kaj oni deziras, ke la malsupro ne tro baldaŭ vidiĝu! Sed antaŭ ol ni atingis ĝin la blua ĉielo malheliĝis, grandaj, pezaj nuboj aperas ruliĝante ĉe la horizonto, la vento plifortiĝas, hurlante kaj disŝirante la neĝon antaŭ si. La gvidanto kriegas al ni, ke ni devas ne disiĝi. La pezaj nuboj ruliĝas antaŭen kontraŭ la montegdeklivoj, envolvas la pinton en tutega mallumo kaj disĵetas milionojn da glacikudriletoj, kiuj vipas niajn vizaĝojn.

Kaj nun la tempo estas for, nia rava semajno inter la montegoj finita. Kun peza koro ni ankoraŭ ĵetas rigardon en nian dormoĉambron, kie ni pasis tiom multe da gajaj horoj, kaj poste ni iras kun la skioj sur la dorso al la vagonaro. La sireno eligas akran signalon, la fumo ruliĝas el la fumtubo, la radoj grincas kaj iom post iom pli rapide la trajno ruliĝas hejmen. Lasta rigardo tra la fenestro! La suno ĵus atingis la horizonton kaj ripozas kiel fajroruĝa sfero inter la nubkovrita pinto de la Oreskuta kaj la nuda verto de la Boacmontego. La dometoj en la valo kuŝas etaj kaj simplaspektaj sur la blanko fono de la montego, la ĉielo estas malvarme ŝtalblua kaj reliefigas la verdbluan nuancon de la piceoj. La vagonaro turnas la direkton en kurbo, kaj ĉio malaperas el niaj rigardoj.

KARIN HOFFMAN.

---

# Esperantema lernejo inter la neĝomontegoj. La popolaltlernejo de Malung.

Antaŭ proksimume cent jaroj la granda dana verkisto Grundtvig komencis propagandi por novaj lernejaj formoj, adaptotaj precipe al la kamparanoj, kaj ĉe la limo inter Danujo kaj Germanujo en la jaro 1844 estis fondita la unua popolaltlernejo en la mondo, Rödding en Suda Jutlando. Ĉi-tie la dana kamparano la unuan fojon lernis elrektigi la dorson kaj levi la kapon kaj persone kaj socie, kaj la dana kamparanaro, kiu antaŭ la kreado de popolaltlernejo estis inter la plej malalte kulturitaj en la mondo, post kelkaj jardekoj fariĝis la plej klera kamparanaro, kiu entute ekzistas, kaj laŭ la opinioj de fakuloj precipe pro la popolaltlernejo ĝi povis venki krizojn kaj mizerojn kaj malgraŭ tio krei bonstaton, modelan por ĉiuj liberaj ŝtatoj de Eŭropo kaj materie kaj spirite.

Sed kio volas la popolaltlernejo? Du aferoj estas por ĝi precipe gravaj. 1. Per ĉiuj fortoj orientigi la junularon pri la nuntempa epoko, ties premisoj, devoj, postuloj kaj estontaj celoj. 2. Neniam forgesi la interligon kun la estinto, ties penadoj, kontribuoj kaj venkoj, de kiuj ni ĝuas la fruktojn. Kaj ĉion oni volas fari kun la optimismo de Grundtvig, kun la konvinko, ke oni pere de interna pliprofundiĝo povas trovi ion firman kaj sekuran, al kiu oni povas direkti la rigardojn de la junularo. Kaj sur tiu programo la popolaltlernejo kreskis kaj prosperis en la kvin nordaj landoj kaj ankaŭ en Anglujo, Nederlando, Germanujo kaj Ameriko. Sed ĉiu lando elektis sian propran vojon, ne sklave kopiante la principojn de Grundtvig.

En Dalekarlio, la fama, belega, prasveda provinco, la unua

popolaltlernejo estis fondata jam en 1877, kaj la aliaj rapide kreskis dum la periodo de nacia vigliĝo post 1905. La Malunga popolaltlernejo de 1909 komencis dum tre penigaj cirkonstancoj kaj dum longa tempo mankis preskaŭ ĉio: ĉambrego por gimnastiko kaj kunvenoj, manĝoĉambro, kuirejo, biblioteko kaj legoĉambroj, banĉambroj, ĉambroj por la oficejo kaj por la instruistoj, ĉambroj por virina slojdo, eĉ dormĉambroj por la viraj lernantoj, kiuj devis loĝi en diversaj domoj en la proksimeco.

Sed oni komencis kun fervora energio, kaj la unua lernejestro, kiam li en la salono de la juĝeja domo malfermis la unuan laborjaron, diris i.a.; „Mi staras apud la tablo de la juĝejo, ne kiel juĝisto sed kiel instruisto!" Kaj eble iam la tempo venos, kiam ni kreos la historion ne kiel juĝistoj sed kiel instruistoj, ne kiel suverenoj sed kiel servantoj! Kaj dum la lernejestro per nova parolado solenis la 25-jaran feston, li povis kompari tion, kio okazis poste, kun grandega ponto, kies du sokloj estas sufiĉe malsimilaj sed kies arkaĵo tamen formas firman vojon trans la riverego de la tempo. Ĉar nun la popolaltlernejo ricevis bonegan hejmon, kiu enhavas i.a. la plej grandan salonegon kaj la unuan publikan banejon de la tuta paroĥejo.

En tiu altlernejo kiel en aliaj, multaj homoj el la malaltaj klasoj ricevis veran vekiĝon por la tuta vivo. Lernantino skribas ekz.: „En la popolaltlernejo oni studas por fariĝi pli bona, pli maldorma, pli lerta, pli ĝoja homo. Tien venas la vekiĝinta, plenkreska junularo, ĉar ĝi sentas, ke ĝi bezonas, ĝi volas, ĝi sopiras pri io. Popolaltlernejo ne estas lernejo en la kutima senco, kie oni kolektas lernantojn de oriente kaj okcidente por poluri ilin kiel eble plej simile kaj igi ilin studegi minimumajn kursojn. Ne, estas popolklerada centro, hejmo por la lernantoj, kie kamaradaj rilatoj inter lernantoj kaj instruistoj kaj vekiĝo al persona, memstara vivo estas kalkulata kiel la plej grava afero. Homoj havas tiom multe da opinioj sed tiom malmulte da scioj. Tion ni volas sanigi, tiel ke ni povas havi sekuran fundamenton por nia teniĝo al la problemoj. Post kelkaj afliktaj bataloj kun la vivo, ideala kaj praktika kurso, donante bonajn sciadojn pri vivo kaj homoj, povas eduki ĉiam pli kleran kaj kulturitan — tute ne erudician — sed pli feliĉan kaj vivkapablan junularon."

La popolaltlernejo interesas sin kaj pri la korpa kaj pri la spirita kulturo. La estinta lernejestro de Malung diras: „La junularo havas du interesojn, kiuj estas ŝatindaj: la sporto kaj la libervola kleriga laboro. Ambaŭ celas plitaŭgigon de la individuo, korpe kaj spirite. Ne estas facile prijuĝi kiagrade la unua aŭ la alia movado estas ideale kaj materie celdirektita. Sed inter ĉiu bruo kaj brueto de la pilkludejoj kaj la bokskonkursoj, oni iam rimarkas pli profundan tonon, kiu parolas gravajn vortojn pri la oferemo de la junularo por la sano kaj bonstato de la popolo, kaj malantaŭ la ŝajne tro diversaj fakoj de niaj studrondoj oni tamen rekonas kiel fundamento, streĉon

pri la serĉado de la vero, la defendo de la justeco, la taŭgiĝo por la malfacila socia laboro de nia epoko".

Sed apud la praktikaj fakoj la popolaltlernejo precipe okupas sin pri la historio kaj la kono de la hejma regiono, pri kiuj temoj la nuntempa lernejestro skribas multajn belegojn sed konsidere al la treege limigita formato de I.P.R. iomete tro vortoriĉajn raportojn. Pri la kono de la hejma regiono li diras: „Sen la stimulo de la intereso, de la persona prilaboro kaj proprigo, ĉiu scio estas nur morta materialo. Ne klerigas la animon, ne evoluas la personecon. Estas preskaŭ nur malutila per la kapablo malvigligi, sklavigi, troŝarĝi per nenecesa rubo, konvenciigi, jes forigi la personecon kaj la karakteron."

Kaj pri la historio: „Pripensu, kiuj estis la pozitive kreintaj, la efektive grandaj homoj? Ĉu Ĝengis-kan aŭ Atila, en la spuro de kies ĉevalo eĉ la herbo ne kreskis, aŭ Napoleono? Ne! La mondo estas pli malriĉa post ili ol antaŭ ili. Eĉ se ekzistus io pozitiva, kion ilia sovaĝa furiozado vere estus kreinta. Ĉar ekzistas ja nenio malbona, kiu ne havas iomete, ho, iometete da bono en si. Ĉu estis Karl XII aŭ Aleksandro? Jes, certagrade. Se ili havis proprajn pensojn (= la plej forta potenco de la mondo), kulturajn pensojn, humanajn pensojn, kiujn ili efektivigis!

Ĝordano Bruno, Hus, Luther! Sur la punbrulejo aŭ sola ĉe la parlamento de Worms. Solaj kontraŭ tuta mondo kun la kuraĝo de superaj potencoj, laŭ la ordono de superaj potencoj! Martiroj kaj solaj „pacŝafidoj" *por* ideoj *kontraŭ* armeoj anstataŭ *kun* armeoj.

Tiuj rekreis kaj ankoraŭ rekreas la mondon, kie la malsaĝaj ĉiam bruegas sur la korto, klaktintas per la armiloj kaj kredas, ke ili havas la potencon! Sed la postsignoj de la aliaj brilas por ni kun la flama skribo de la Ora Libereco en la monda ĝis la fino de la tempo".

Belaj ideoj, tute konformaj al la ideoj de la esperantismo! Kai en la vera naturo de la popolaltlernejo ĉiam kuŝis la penso prj almenaŭ intima norda kunlaboro, jes, unu el la plej karaj planoj de Grundtvig estis la fondado de samnorda popolaltlernejo, ekz. en Gotenburgo. Sed kial nur norda kunlaboro? Kial ne eŭropa! Se ne ekzistus la lingvaj malfacilaĵoj, se esperanto estus ĉies dua lingvo! Sed dum ni atendas tiun epokon, la lernejestro de Malung decidis komenci esperantan kurson por sia lernantaro. Tial li nun estas nia samideano kaj tial mi skribis laŭ lia bela gazeta Kamarada Rondo tiun artikolon pri lia lernejo.

Sed ankaŭ alimaniere ni povas deziri kunlaboron kun la popolaltlernejo de Malung kaj volonte aŭdi pri ĝiaj spertoj. Ĉar, aŭdu, la Kamarada Rondo iam aperis nur en 300 ekz., sed nun post preskaŭ ok jaroj ĝi aperas en 3000 ekz., fariĝis grava ligilo inter popollernejemaj homoj en la tuta lando kaj — fariĝis la plej bona anoncorgano de la tuta okcidenta parto de Dalekarlio! Kaj aldone

intencitajn precipe por la adoleskaj. Pro tio, multaj elementaj lernejoj mi povas rimarki, ke la Kamarada Rondo povis disdoni tiom da stipendioj, ke preskaŭ cent (100) senlaboruloj aŭ malriĉuloj povis viziti la altlernejon. Ĉu tio ne estas modela rezulto ankaŭ por T.A.G.E. kaj I.P.R.? Mi nur demandas!

Sed se ni volas atingi la saman rezulton, ni devas pripensi la vortojn, kiujn la lernejestro diris pri unu el la modernaj dalekarliaj poetoj. „Li ne apartenas al la gento de la perfiduloj sed al tiu de la fideluloj". Kaj la poeto mem diras en unu el siaj poemoj, kie li precipe gloras la abstinencan movadon:

„Temas pri grandegaj faroj,
*kaj heroojn ni bezonas!*"

Bj Bekman

---

# Usono.

## La Lernejoj de Usona Urbego.

Pro specialaj kondiĉoj en Usono, laŭ kiuj ĉiu ŝtato estras sian propran eduksistemon, estus neeble en malgranda artikolo priskribi la eduksistemon de nia lando. Do mi provos sciigi vin pri la lernejoj de nia plej granda urbo, New York.

Nia urbego estas vere aro da vilaĝoj, ĉiu eble fremda lando, ĉar estas en ĝi pli da Italoj ol en iu itala urbo krom Romo; pli da Germanoj ol en iu germana urbo krom Berlino, ktp. La problemoj pro tiu kondiĉo estas do multaj. Ekzemple, ĉiu grupo politikas pri la enkondukado de sia nacilingvo en la lernejoj. Ĵus la Italoj sukcesis tion fari kaj la Poloj nun klopodas same.

Estas interese ankaŭ scii ke pli ol 1,100,000 gelernantoj estas instruitaj tie ĉi. Pro tio necesas 700 lernejoj, kaj pli ol 38,000 geinstruistoj. El la lernejoj, 648 estas elementaj, 43 mezlernejoj, kaj 6 industriaj.

Ordinare, la infanoj komencas je la 5½ jaraĝo kaj eniras la infanĝardenon. Je la sesa jaro, ili eniras la unuan klason. Necesas ok jaroj en la elementa lernejo, kvar en la mezlernejo, kaj kvar en la kolegio. Kompreneble, edukado estas senpaga eĉ en la urbaj kolegioj. La urbo donas kaj ilojn kaj librojn senpage. Al ĉiu lernejo estas donita monsumo, laŭ la nombro de infanoj. Tion la lernejestro povas elspezi laŭnecese. La aĉetaĵojn li povas fari nur laŭ listo donita de la edukfako de la urbo. Kompreneble la kontanto ne estas donita, sed nur la ebleco mendi la bezonatajn librojn, ktp, laŭnecese.

Antaŭ nemultaj jaroj, oni komencis enkonduki novajn lernejojn,

havas nur sesjaran programon, post kio la infanoj eniras la Junior High School (submezlernejo). Tie ili restas tri jarojn, poste enirante la duan klason de la mezlernejoj. Do la sistemo ŝanĝiĝis de la 8-4-4 plano al la 6-3-3-4 plano. La plej bonaj studentoj povas fini la tri jarojn de la submezlernejo dum du jaroj.

La celo de la submezlernejoj estas : (1) arigi kune la samaĝajn dum siaj plej malfacilaj jaroj : la adoleskaj ; (2) per eksperimentoj, elserĉi kian kurson ĉiu devas sekvi en la mezlernejo. Ĝis nun, la dua celo ne bone sukcesis, ĉar mankas mono sufiĉe por ŝate provizi la lernejon per diversaj maŝinoj kaĵ iloj, Do ili nun utilas precipe por pli malkare ol la mezlernejoj instrui la gejunuloj. Kostas pli ol 3,550,000 dol. por finkonstrui mezlernejon, sed nur 1,000,000 por submezlernejo. Ankaŭ, la geinstruistoj estas malpli salajrigitaj en la submezlernejoj, tial kostas malmulte por la instruado de la pli granda aro : tiu kiu eniras la unuan klason de la mezlernejo.

Estas inter la mezlernejoj unuj, kiuj celas instrui tiujn, kiuj deziras eniri la kolegiojn ; aliaj estas komercaj ; aliaj industriaj. Estas facile ŝanĝi de unu al alia laŭ deziro, se estas necese.

Oni instruas dum nur kvin tagoj. En la elementaj lernejoj oni komencas je la naŭa, kaj hejmeniras je la tria. Estas unu horo por lunĉo : inter la dek-dua kaj la unua. Ankaŭ en la submez- kaj mezlernejoj, oni lernas dum kvin horoj. Ĉar en ĉiu konstruaĵo estas pli ol dufoje tiom da gestudentoj ol estas seĝlokoj, necesas ke la horoj de instruado estu diversaj en ĉiu kazo. Oni ordinare komencas je la oka, kaj estas lernejoj kiuj finas je la sesa.

Por plenaĝuloj, kiuj ne sukcesis fini la kurson dumtage, estas vesperlernejoj kaj elementaj kaj mezaj, ankaŭ tute senpage, kie oni povas lerni same kiel dum la tago. Kompreneble, oni devas lerni pli ol dum la kvar jaroj bezonitaj dumtage. La kolegioj vesperaj ne estas senpagaj, sed la kotizoj estas malaltaj.

Ĉar estas devige resti en lernejoj ĝis la 17a jaraĝo, ni havas gravan problemon pri la ĉeesto de gejunuloj, precipe de tiuj kies gepatroj ne deziras eduki siajn infanojn, sed preferas sendi ilin labori. Tamen, laŭleĝe, oni estas malpermesata laborigi gejunulojn sen rajtigilo donita al la junulo de la lernejo. Kaj tio ne estas donita al tiuj kiuj estas malpli ol 17-jaraj.

Entute la lernejoj de urbego dum la lasta jaro elspezis 164,925, 817,96 dol. ! El tio, la geinstruistoj ricevis pli ol 107,000,000 dollar.

Elementa Lernejo 136,
St. Albans, N. Y. LOUIS DORMONT
Lernejestro.

---

En la februaro-numero aperos tre gravaj artikoloj, i.a.
La instruada afero de la fin-ugraj popoloj.
Ankaŭ kelkaj raportoj de la Viena kongreso. Red.

# Ĉeĥoslovakujo.

Al niaj amikoj en Ĉeĥoslovakujo ni sciigas, ke ni starigis memstaran TAGE-SEKCION por la teritorio de la **Ĉeĥoslovaka Respubliko.**

Per tiu ĉi aranĝo ni malŝarĝis la administracion de T.A.G.E kaj I.P.R. kaj ŝparos parton da afranko, kiu estas notinde alta speciale por eksterlando. Tial ni sukcesis malaltigi la ĝisnunan kotizon je

**20 Kč.**

Kun ĝojo ni konstatas, ke tiu ĉi aranĝo montriĝis jam nun utila kaj al T.A.G.E. kaj al niaj kolegoj en Ĉeĥoslovakujo : la nombro de l' T.A.G.E. - anoj en ĈSR kreskis dum la lastaj semajnoj de l' pasinta jaro je tutaj 100%!

Ni bonvenigas niajn novajn amikojn kaj invitas ilin al kunlaboro en I.P.R. Samtempe ni firme esperas, ke niaj malnovaj anoj restos ankaŭ estonte fidelaj al nia sola tutmonda faka asocio. Al ĉiuj ni deziras sukcesan novan jaron. Ĝi estu jaro de paco, ĉar nur en paco povas prosperi nia kultura laboro.

**ESPERANTON EN LA LERNEJON**

**per forta**

**T.A.G.E. estu nia devizo.**

TH. KILIAN,

estro de la TAGE-Sekcio en ĈSR.

(Pagante per blanko-poŝtpagilo enskribu mian adreson : Th. Kilian, Trebíč, kaj la numeron de mia poŝtĉekkonto 114.322).

---



---

# TURISMA PAĜO.

## GRAVA SCIIGO!!

Ĉar el niaj abonantoj ĉiujare multaj vojaĝas en la libertempo, ili ofte petas al ni informojn pri hoteloj kaj pensionoj, kie oni parolas Esperanton. Ni decidis aranĝi sur la kovrilo de nia revuo rubrikon por tiaj informoj; do „Turisma Paĝo". Ni tie anoncos la adresojn de *hoteloj, pensionoj kaj restoracioj,* kie la estro aŭ almenaŭ unu el la kelneroj parolas *sufiĉe bone* nian lingvon. Tia aranĝo havos du avantaĝojn:

1. Nia revuo akiros denove pli da intereso
2. Ĝi estos instigo al enkonduko de Esp. por tiuj estroj, kiuj ankoraŭ ne interesiĝis pri tio.

Gekolegoj, bv. anonci al ni la adresojn de hoteloj, ktp., kie laŭ via scio, oni uzas Esp. Ni poste klopodos akiri la anoncon por nia rubriko.

Se vi tamen jam mem povos fari tion, bv. proponi la jenon:

*anonco:* amplekso 1/16 paĝo sur la kovrilo en la speciala rubriko.
*teksto:* plena adreso kun tre koncizaj informoj pri prezoj de manĝoj kaj loĝado.
*Kostoj:* ni akceptas nur anoncojn presotojn en 6 sinsekvaj numeroj de la revuo. Por la sesfoja preso la kosto estas nur 3 ned. guld entute.
*kondiĉo:* Nepre antaŭpago de la malgranda sumeto.

*Nia administranto* atendas viajn leterojn, tiel eble plej baldaŭ.

La laborkomitato de T.A.G.E.

# Porinfana literaturo en Esperanto.

Verkante novan „Gvidlibron tra la Esperanto-movado" mi enmetis ĉapitron pri porinfana literaturo en Esperanto. Kun danko mi akceptus atentigon pri tiuspecaj verkoj (aŭtoro — tradukinto — eldonejo — nomo de la verko — jaro-prezo). *Ĉiu sendinto ricevos* de mi la libron (laŭdezire alian). Skribu al faka instruistino Julie Šupichová, *Praha II.,* Malá Štěpánská 6/II. (Esperanto-gazetoj estas petataj pri afabla represo.)